A K T U A L E

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

№12(27) Decembro 1975

## INDE OMAĜI LA PARTIAN KONGRESON!

Proksimiĝas gravega evento en la vivo de nia lando - la XXV-a Kongreso de KPSU. Al ĝi oni dediĉas novajn laboratingojn ĉe uzinaj stabloj kaj en sciencaj laboratorioj, sur kolĥozaj kampoj kaj en konstruejoj. La kongreso signas nun ĉiujn flankojn de la socia vivo, kaj kompreneble ankaŭ ni, esperantistoj, ne devas resti indifirentaj.

La Komitato de SEJM kaj, laŭ ĝia rekomendo, la novembraj regionaj renkontiĝoj pridiskutis la demandon pri prepariĝo de SEJM al la Kongreso. Venis pluraj interesaj proponoj, kaj laŭ komisio de la Komitato mi resumas ilin ĉi tie.

Antaŭ la Kongreso la kluboj, havantaj intensan internacian korespondadon, povas fari ekspoziciojn surbaze de leteroj de progresemaj E-istoj, ekzemple pri la temo "Progresemaj E-istoj pri la pacama ekstera politiko de KPSU kaj Soveta Ŝtato". Ĉi-temajn materialojn indas ankaŭ aktive uzi en loka gazetaro (radio, televido), en prelegoj.

Ni rekomendas, ke la kluboj organizu kunvenojn, dediĉitajn al la Kongreso. Enhave tiaj kunvenoj povas esti diversaj depende de lokaj cirkonstancoj, ekzemple: renkontiĝoj kun delegitoj de la Kongreso, prelegoj pri la Kongreso kaj ĝia signifo, pridiskuto de partopreno de la klubanoj en eksterkluba socia vivo ktp. Gravas, ke la prikongresaj kunvenoj pasu altnivele, pri kio unuavice respondecu niaj esperantistoj-partianoj.

Oni ne forgesu nepre sendi salutleterojn kaj telegramojn al la Kongreso. En niaj mesaĝoj ni evitu ne modestajn postulojn, sed emfazu nian pretecon agi por bono de la socio, plialtigi la porpacan kaj internaciisman agadon. Al la kluboj ekster RSFSR ni rekomendas gratuli ankaŭ siajn respublikajn partiajn kongresojn.

Jam post la Kongreso ni povas fari novajn ekspoziciojn, ekzemple pri la temo "Monda gazetaro pri la XXV-a Kongreso de KPSU". Pri kolekto de materialoj necesas averti la eksterlandanojn jam nun. Se la ricevotaj materialoj ne sufiĉos por inda ekspozicio , oni povas kooperiĝi kun samregionaj kluboj kaj aranĝi migran ekspozicion.

Gravas ankaŭ informadi pri la Kongreso kaj ties decidoj senpere al niaj korespondamikoj, precipe el tiuj landoj, kie la informoj pri Sovetio estas donataj misprezente.

Estas antaŭvidata eldono de kongresaj materialoj fare de la E-komisiono ĉe SSOD. Por tiu ampleksa laboro necesas tradukistoj. Volontuloj estas petataj anonci sin al la estro de la Traduka fako V.Samodaj - 113519 Moskva, ul. Krasnogo Majaka, 8-2-107. Gravan iniciaton ĉi-rilate proponis E-istoj de la Centra-Rusia regiono, kiuj preparas politikan terminaron por plifaciligi la redaktadon de tiu ĉi kaj estontaj tradukoj.

Kompreneble, mi ne elĉerpis ĉiujn eblajn formojn de porkongresaj aktivecoj, kaj ĉiu klubo agu laŭ siaj cirkonstancoj kaj ebloj. Gravas tamen, ke la farita laboro ne apartenu nur al la kluba kroniko, do ne forgesu aktivan informadon pri viaj aranĝoj: kaj sur la paĝoj de "Aktuale", kaj - en konvena formo - ankaŭ al eksterlanda E-gazetaro.

Ju pli aktive la SEJM-kluboj efektiviĝos la iniciatojn, ligitajn kun la Kongreso, des pli da aŭtoritato ni gajnos ekster la movado. Tial la proponataj labordirektoj havas unuavican gravecon.

V.Arolović, prezidanto de SEJM.

# INVITAS S E F !

Oni ofte substrekas, ke Esperanto estas ne nur lingvo, sed ankaŭ socia fenomeno. La lingvon esploras multaj, sed la socion? Vi rimarkis, ke jam ekzistas dekoj da "Historioj de Esperanto (movado)". La aŭtoroj skrupule dismetis la eventojn, sed kiuj el ili estis historiaj hazardaĵoj kaj kiuj aperas kiel neevitaĵo - tion ili ne mentris (certaparte elstaras nur la verkoj de E.Drezen). Por trakompreni la movadon ni devas tion scii.

La movado disvastiĝas ne sur izolita planedo; kiaj estas ĝiaj rilatoj kun la ekstera ~~mondo~~ socio, politikaj, ekonomiaj faktoroj? Kiel ŝanĝiĝas la publika opinio pri Esperanto? Kiel evoluas la movadaj fortoj? La suprajn demandojn respondos SEF (Scienc-Esplora fako de SEJM).

Do, la movado estas esplorobjekto de SEJM; porkomence ni limigu nin je SEJM mem (foj-foje, tamen, ni devos inkluzivi la movadon). Kial unu strukturo de la movado kaj certa labormetodo sukcesis en unu loko, sed en alia ne? Rolo de E-renkontiĝoj, tendaroj en la sovetia E-movado? Ĉu vastigo de interlandaj kontaktoj influas la movadon, kiomgrade? Ĉu indas atenton la psikologio de la esperantistaro, se jes, ĉu ĝi ŝanĝiĝas?

Nia tasko estas malkovri pli-malpli konstantajn strukturojn de la movado, ĝeneralajn tendencojn. La laboro estas ne por unu, eĉ ne por du-tri jaroj. Tial porkomence ni estu modestaj : ĝis la 1-a de marto ni konkretigos apartajn esplortemojn (ankaŭ vi proponu) kaj dividu ilin inter kunlaborantoj de SEF. Ion el la esploroj ni prezentos dum la E-Universitato en SEJT.

Ĉiuj, kiuj inklinas al sociologio, filozofio, psikologio trovos interesan okupon (kaj utilon!) en SEF. Ili kontaktu kun V.Ŝilas:
232009 Vilnius-9, Daukanto, 8 - 9.

V.Ŝilas, gvidanto de SEF.

# RADIOAMATORISMO? - TIO ESTAS SIMPLE!
(Fino. Komencon vd. en "A"-11)

Paciencon certe necesas havi ŝie, kaj vi, kiel E-isto, tion jam scias, nur al via pacienco necesas aldoni iom da deziro!

Do, via sekva paŝo (post kelkfoja aŭskultado de la etero) estas - kie kaj kiam trovi radioamatorojn, kiuj uzas E-on. Verŝajne multaj scias, ke ekzistas organizaĵo ILERA (Internacia Ligo de esperantistoj radioamatoroj), kiu havas kunsidojn dum Universalaj Kongresoj. Ekde 1970 UK enhavis kunvenojn de radioamatoroj, laŭeble kun radiostacio.

La 60-a UK ankaŭ havis samajn kunvenojn, kaj la radiostacion dum UK organizis Renata Chassard el Francio (voksigno F5RC). Laŭ ŝiaj informoj la kunvenojn partoprenis 3 gejapanoj, reprezentantoj de Kanado, Kolombio, Svedio, Aŭstrio, Danlando kaj Francio. Dum la kunvenoj estis proponitaj horaro por multigi kontaktojn kun esperantistoj aŭ simpatiantoj. Estis adaptitaj frekvencoj 21,066 kHz aŭ 14,044 kHz ± QRM por la telegrafio kaj 21,266 kHz aŭ 14,266 kHz ± QRM por la fonio. Oni interkonsentis uzi jenajn horojn en sekvaj tagoj ~~tagoj~~ de semajno:

| Frekvenco | 21,066 kHz aŭ 21,266 kHz | 14,044 kHz aŭ 14,266 kHz | Lundo | Merkredo | Sabato | Dimanĉo |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Horoj | 8.00 | 8.30 | | | X | X |
| | 12.00 | 12.30 | | | X | X |
| | 16.00 | 16.30 | X | | | |
| | 20.00 | 20.00 | | X | X | X |

La horoj estas laŭ la horsistemo de Greenwich. Por Mez-Eŭropa Tempo oni aldonu unu horon. Tiuj ĉi horoj, certe, bone taŭgas por la eŭropa parto de Sovetunio, tamen eĉ el Barnaul ĉe bonaj eterkondiĉoj mi povis sufiĉe bone kontaktiĝi kun radioamatoroj el Francio, Anglio, Svedio, FRG, Italio, Jugoslavio, Ĉeĥoslovakio, Bulgario, Finnlando, Danio.

La sudamerikaj E-radioamatoroj havas aliajn horojn por kontaktoj (QSO-j), sed ilin estas tre malfacile ekaŭdi. Tamen al la interesiĝantoj pri ilia horaro mi povas tiun informon doni laŭ aparta sinturno al mi.

Aldone al ĉi horaro mi uzas la samajn frekvencojn ĉiudimanĉe:
la frekvencon 21,266 kHz de 4 h. ĝis la 6 h. GMT (Greenwich);
" " 14,266 " de la 12 ĝis la 15 h. GMT;
" " 14,266 mi uzas ĉiun trian merkredon de ĉiu monato post la 14 h. GMT (speciale por kontakti kun sovetaj R-amatoroj kaj UK2BBB persone).

Do, sukcesojn al vi, dezirantoj larĝigi siajn kontaktojn kun esperantistoj! Ĉe radioamatoroj tiu ĉi eldiro estas tre mallonga - 73! Mi atendas ankaŭ viajn voĉojn en la etero!

Amike UW9YE (656099 Barnaul-99, abon.k. 60, Jaskov G. - estro de la Radioamatora fako).

## POR AŬ PER?

Denove kaj denove surpaĝe de "Aktuale" kaj en aliaj lokoj aperas riproĉoj, ke E-istoj okupiĝas pri "Esperantujo", "amika rondo", "samideanoj" ktp. anstataŭ okupiĝi pri veraj aferoj: peresperanta agado.

Apenaŭ iu dubas pri neceso de praktika utiligo de la lingvo. Sed mi ne opinias, ke ĝi devas subpremi la poresperantan agadon. Dum E-o estas malmulte utiligata, apenaŭ ni allogos al ĝi homojn pro la nura praktika apliko de la lingvo. Male, en la nuna situacio la homoj estas plejparte altireblaj per idealismaj motivoj.

Certe, neniu kontraŭus disvastigân E-on per jenaj alvokoj:"Legu milojn da scienc-teknikaj libroj en E-o! Kiam ajn vi povas veturi al eksterlandaj E-aranĝoj! Abonu scienc-fikciajn revuojn en E-o!" ktp., ktp. Neniu kontraŭus, se tio estus vero.

Sed kion ni povas proponi al niaj alparolatoj? Fakte nenion - eĉ ne lernolibron, nek vortaron, nek landan aŭ internacian revuon, ofte nek kurson aŭ rondeton!

Dum la lasta kunsido de la Hungara E-Asocio (oktobro 1975) la ĉeestântaj reprezentanto de la Landa konsilantaro de Sindikatoj en sia parolado diris: "La instruado de la Internacia Lingvo estas nun la ĉefa problemo kaj tasko de la Asocio."

Do la unuavican taskon propagandi kaj disvastigi la lingvon komprenas eĉ eksteruloj: sen homoj eblas neniu agado... Tial ni ne dehaku la branĉon, sur kiu ni sidas!

B.Kolker (Ufa).

## AL PLI VASTA KULTURA INTERŜANĜO

La Internacia Lingvo estas rimedo por interŝanĝo de la kulturaj valoraĵoj. Por ke ĝi povu bone plenumi tiun rolon, certe, estas necesa organizita Esperanto-movado, ties konscia direktado al plenumado de tiu ĉi funkcio. Nia soveta E-movado nuntempe staras sursojle de sia organizo. Tio signifas: ekzistas jam elementaj organizoj: rondoj, kluboj, sekcioj, grupoj; ekzistas jam "formo de kunagado" - SEJM; Ni faru paŝeton antaŭen: ni komencu ioman organizitan kunlaboron ankaŭ <u>per</u> la Internacia Lingvo.

Mi proponas jenon. Nia lando Sovetio estas multnacia. Ĉiu el la nacioj havas historion de sia progresema kulturo, kiu nun, en favo-

raj kondiĉoj, fluis kvazaŭ en unu grandan fluejon - la multnacian sovetan kulturon. Tiu lasta estas al ni en detaloj pli-malpli konata, sed ĝiaj fontoj, de kie elfluis la unuaj "oreroj", kaŝiĝas malantaŭ jardekoj, kelkfoje eĉ malantaŭ jarcentoj. Ilin konas ofte nur la konkretaj nacioj, ilin naskintaj.

Ni, esperantistoj, apartenas al tiu ĉi "elito", kiu plej bone scipovas aprezi kulturajn valoraĵojn de aliaj popoloj kaj nacioj, kiu pleje perceptas esencon de la internacia amikeco, de la proleta internaciismo. Sed la lastaj ja ne povas ekzistadi kaj evolui sen konado kaj aprezado de la kulturaj atingaĵoj de aliaj nacioj.

En niaj sovetaj respublikoj oni inde celebras gravajn datrevenojn de la lokaj (naciaj) progresemaj kulturagantoj, elstaraj filoj kaj filinoj de la nacio. Ni, esperantistoj, povas tion fari ankaŭ pli vaste, eĉ tutsovetie. Materialojn, kiujn ni preparas tiuokaze por niaj kluboj - mi konsideras preleg(et)ojn 10-15-minutajn - ni povas tajpi en kelkaj ekzempleroj, eble eĉ multobligi per pli modernaj iloj, kaj sendi al tiuj kluboj kaj rondoj, kiuj tion deziras, kun kiuj ni interkonsentis pri interŝanĝo de koncernaj materialoj. "Amikeco" kaj "Aktuale" povas ilin aperigi, se ili ne estas tro multaj. Se temas pri pentristoj, la prelegetojn povas akompani ankaŭ bildomaterialoj, pri komponistoj - sonbendoj, resendendaj aŭ ne. La materialoj povas esti ankaŭ "migrantaj".

Per tia agado ni ne nur konatiĝos reciproke niajn naciajn kulturojn - la fontojn de la ĝenerala soveta kulturo, ne nur pliriĉigos niajn konojn kaj plifortikigos nian internacian amikecon, sed ankaŭ pliriĉigos la programojn de niaj klubvesperoj, variigos ilian enhavon.

Tallinna Esperanto-klubo proponas tian kunlaboron al aliaj kluboj, rondoj ktp. El nia flanko ni proponas por 1976 jenajn materialojn el Estonio: J.Köler - pentristo, pioniro de la estona pentroarto - okaze de la 150-a naskiĝtago la 8-an de marto; G.Lurich - luktisto, mondĉampiono 1901 - okaze de la 100-a naskiĝtago la 26-an de aprilo; Hilda Dresen - Esperanto-poetino - okaze de la 80-a naskiĝtago la 11-an de majo.

Interesiĝantoj pri la proponita kultura interŝanĝo bonvolu skribi (kun konkretaj proponoj) al:

200001 Tallinn-1, Raekoja pl.14, Õpetajate Maja, Tallinna E-kl.

J.Ojalo (Tallinn).

## MATERIALOJN DE LA 17-a KONGRESO DE VLKSM - POR EKSTERLANDO!

En julio la Komitato de junularaj Organizaĵoj (KMO) eldonis en Esperanto materialojn de la 17-a Kongreso de VLKSM. Zonda ekspedo de la broŝuro eksterlanden (Svedio) montris, ke tie estas konsiderinda kvanto da E-istoj politike favoraj al ni. Ili povus utiligi la broŝuron laŭ ĝia destino, manifestonte poste sian interesiĝon pri tiaj E-dokumentoj ĉe la Komitato (KMO) kaj la komsomola CK.

Karaj gesamideanoj! Eltrovu ni inter niaj korespondantoj (burĝa kaj tria mondo precipe) niajn politikajn simpatiulojn, kiuj dezirus ricevi la broŝuron kaj apliki ĝin en sia socia aktivado.

El la sukceso de la kampanjo sekvos:

1) Praktika uzo de Esperanto en la batalo por la socia progreso (la ĉefa ideo de la esperantismo);

2) La plej efika distribuo de la broŝuro ankaŭ en landoj, kie apenaŭ ekzistas nacilingvaj sciigoj pri la dokumento;

3) La proponata vojo estas efika por pruvi al la superaj instancoj realan valoron de Esperanto, kaj el la precedenco (la unua postmilita preso de komsomolaj dokumentoj en E-to) kreskigi fruktodonan arbon de pluraj eldonoj!

Ĉiujn adresojn de la eksterlandanoj, ideojn por la kampanjo direktu al Lev Vladimiroviĉ Medvedev:

143013 st. NEMĈINOVKA Moskovskoj obl., Borodinskaja, 7; H. tel.: 44-89-25-7.

Por imagi la nunan distribuon de la broŝuro en Sovetio, mi petas ĉiujn posedantojn komuniki al mi pri tio.

Esperante amasan kunlaboradon vin salutas sekretario pri organizaj kaj sciencaj aferoj de la SSOD-a E-Komisiono

L.Medvedev.

PRI "INFORMA KOLEKTO"

La novefondita Informa fako sin bazas sur la ĝis nun eldonita "Akordo" (ĝis la somero 1974), kiu somere 1975 transformiĝis je "Informa kolekto". Tri jarojn laŭvice ĉion prizorgis: kompilis kaj dissendis- la junulara klubo de Riga. La "Informa kolekto" estas duonmonata kolekto de:

- ĵurnaloj kaj gazetoj kun priesperantaj artikoloj;
- leginda priesperanta materialo, ekz.: presitaj laborplanoj de kluboj, invitiloj al vesperoj, kunflugoj k.s.;
- alia materialo, interesa por ĉiuj SEJM-kluboj.

La sola kondiĉo - la senditaj kontribuaĵoj devas konsisti el minimume 50 ekzempleroj (por ĉiuj aliĝintaj kluboj kaj kandidatoj), ĉar dume ni ne havas eblecon da multobligado.

La klubo sendinto pro la kontribuo al "IK" laŭ la Taksa demandaro ricevos koncernan kvanton da poentoj. Aparte klubo kontribuanto devas ricevi poentojn pro aldonita al la kontribuaĵo traduko de artikolo aŭ anonco. La detalan pritakson de poentoj vidu en la Sekretaria libro por la agadjaro 1975/76.

Por plifaciligi la laboron pri "IK":

1. Ĉiu klubo elektu respondeculon, kiu persone havos kontaktojn kun "IK". Lia tasko estas ĝustatempe akiri kaj sendi al "IK" la bezonatan kvanton da gazetoj, ĵurnaloj k.s.

2. La kontribuaĵojn adresu NUR laŭ la adreso de "IK", kiu ĉiam estas indikita sur la koverto (sed ne laŭ la adreso de la Korespondа servo aŭ aliaj hejmaj adresoj).

Rimarkoj:

Estas peto ne sendi vian kontribuaĵon en du, tri paketoj dum kelkaj semajnoj, ĉar:

a) tio aldonas pli multe da laboro - oni devas registri, al kiuj kluboj estas jam ĉi materialo forsendita, kaj al kiu ne;

b) en okazo, se "IK" ricevos nesufiĉan kvanton da la kontribuaĵo, ĝi estos distribuita laŭ la listo de la rezultoj en la Socialisma konkurado (malgraŭ, ke tio donas aldonan laboron por "IK"), kaj la klubo sendinto en sia pakaĵo ne ricevos la koncernan materialon.

T.Bercis, estro de la Informa fako (Latvio, Riga 226050, p.k. 52, Riga junulara E-kl.).

NOVA LIBRO

Fr. R. Kreutzwald. KALEVIPOEG. Estona popola epopeo. /Fragmentoj/. Trad. Hilda Dresen. Eldonejo "Eesti Raamat", 1975. 7000 ekz., 92 p., 60 kop.

Ankoraŭ ne estas ĉiutagaĵo, ke aperas libroj en la Internacia Lingvo, pro tio - mi opinias - ne estas superflue diri kelkajn konatigajn vortojn pri la ĵusaperinto. Des pli, ke ĝi estas verko tiom elstara el la vidpunkto de ĝia kreintonacio.

En la unua duono de la 19-a jarcento la nomo "estono" ankoraŭ ne estis konata. La estona popolo estis en servuta sklaveco, subpremita fizike kaj spirite. Oni konsideris estonojn kiel estaĵojn senrajtajn, preskaŭ egalajn al laborbestoj, parolantaj "negermanan lingvon". En tiu cirkonstancoj por pruvi al la klera mondo homvaloron de la subpremitoj, por veki ilian konscion pri sia homa valoro, estis necesementri, ke tiuj "kvazaŭhomoj" tamen havas sian edifan folkloron kaj kapablon al kultura kreado, ke ilia malŝatata lingvo estas taŭga por esprimi sentojn kaj pensojn, krei artverkojn. Por veki en la sklavigitoj senton pri ilia nacieco, krei en ili la nacian konscion,estis plej unue necese rememorigi al ili, revivigi antaŭ iliaj okuloj la heroan pasintecon kaj iaman liberecon. Tiun taskon plenumis Fr.R. Faehlmann (1798 - 1850) kaj Fr. R. Kreutzwald (1803 - 1882).

Kalevipoeg (Filo de Kalev) estas kamparaneca laborfortegulo, konstruisto, marveturisto, en kiu trovis sian poezian ĝeneraligon la popolo kun sia karaktero kaj vivokonceptoj. Aspiroj de la heroo estas paca kaj krea laboro, batalo kontraŭ tion minacantaj malamikoj. Rilate al subpremitoj li estas liberiganto kaj defendanto, kies agado direktiĝas al ĝenerala bonstato. En furioza batalo kontraŭ fremdaj konkerantoj ("feruloj") el la buŝo de Kalevipoeg kelkfoje aŭdiĝas alvokoj por virece defendi la liberon, batali por ĝi kun plena decidemo, resti fidela al sia patrolando kaj popolo.

Per "Kalevipoeg" efektive komenciĝis la estona nacia literaturo. Ĝi fariĝis unu el la plej potencaj angulŝtonoj de la estona literaturo, la verko, havanta eksterordinaran influon al la evoluo de progresemaj sociaj ideoj kaj batalaktiveco de la vastaj popolamasoj,tiutempe kontraŭ la feŭda sklavigo, sed poste ankaŭ kontraŭ kia ajn subpremo, inkluzive la faŝisman okupadon dum la jaroj 1941-1944. Ĝi estas unu el la plej disvastiĝintaj verkoj de la estona literaturo . Oni povas konsideri ĝin kiel verkon, apartenantan al mondliteraturo, oni konas ĝin internacie pli ol iun alian verkon de la estona literaturo. En la rusa (proza) traduko la eposo aperis jam 1886-1889. En bona rusa versa traduko ĝi aperis en 1949 (V.Derĵavin kaj A.Kotŝetkov). Per ĉi tiu traduko "Kalevipoeg" plej multe disvastiĝis en Sovetio, sed ankaŭ en aliaj landoj. Sub la influo de "Kalevipoeg" A.Pumpur verkis la latvan eposon "Latŝplesis".

En la altkvalita traduko (kun aliteracioj kaj asonancoj) de H.Dresen aperintaj fragmentoj konsistigas unu dekonon de la tuta eposo. La eldonaĵo estas ilustrita.

Sovetaj esperantistoj povas mendi la libron pere de lokaj librovendejoj (okaze de ilia konsento), kiuj direktu siajn mendojn al "Estknigotorg", Tallinn-90, Pärnu mnt. 10; pere de "Libro per poŝto", Tallinn-90, p.k. 199; pere de Tallinna Esperanto-klubo laŭ la adreso: 200001 Tallinn-1, Narvskoe ŝosse, 23-5, J.Ojalo.

El la pli fruaj eldonaĵoj estas ankoraŭ ricevablaj: J.Ojalo."Esperanto keele õpik" (31 kop.) kaj E.Krusten "Okupacio" (38 kop.).

J.Ojalo (Tallinn).

## "AMIKA RONDO" VIN INVITAS

Se vi ion kolektas (ekzemple, poŝtmarkojn, bildkartojn, insignojn, librojn ktp.), tre utila por vi estos helpo de viaj amikoj, loĝantaj diversloke. Ĉu ne estus por vi tre oportune de tempo al tempo havi ankaŭ freŝan informon pri interŝanĝeblecoj?

Al ĉiuj kolektantoj mi tre rekomendas iĝi ano de la internacia klubo de esperantistoj kolektantoj "Amika Rondo". La membreco kaj aperigado de anoncoj estas tute senpagaj. La klubo eldonas kvaronjaran bultenon "Kolektanto". Por ricevadi ĝin oni devas pagi 2 rb.jare. Ĉiu abonanto rajtas sendi anstataŭ mono kompletajn neuzitajn seriojn de poŝtmarkoj, E-librojn, insignojn kaj E-aĵojn laŭ interkonsento.

Aliĝilon kaj pli detalan klarigon sendos al vi la sekretario de la klubo L.Leviĉarov: 1113 Sofia, p.kesto 5, Bulgario.

V.Gakalenko (Tiĥvin).

FAKAJ LABORGRUPOJ

En la oktobra numero de "A" aperis artikoleto pri fakaj laborgrupoj de SEJM ("A"-10, p. 130-131), kiu enhavas liston de dezirantoj kunlabori kun 5 SEJM-fakoj.

Fakte tiu listo estas nur malgranda parto de la adresaro, kompilita dum SEJT-17. La kaŭzo de miskomprenо estas jena. Kolektinte dum SEJT ĉiujn sciigojn pri fakaj komisionoj, mi jam en la tendaro disdonis ilin al la ĉeestantaj fakestroj, kaj la vicprezidantino pri la faka agado ricevis nur tiujn donitaĵojn, kiuj estis destinitaj por la forestantaj fakestroj. Tiu sama listo estis publikita en "A"-29. Jen estas aldono al ĝi.

Scieno-Teknika fako: T.Bercis (Riga); V.Zibenkes (Salavat); V.Sokolov (Kolomna) - okupiĝos pri terminaroj.

Bibliografia fako: O.Graĉova (Ivanovo); Z.Lapienytė (Klaipeda);

Metodika fako: V.Bingelis (Vilnius); V.Kulikov (Omsk); G.Gercikov (Talgar); N.Ŝibircev (Novosibirsk); V.Noĉovkin (Poltava); V.Golencova (Ufa);

Kolektanta fako: S.Gaidamaviĉius (Vilnius); T.Bercis(Riga); V.Butorin (Talgar) - poŝtmarkoj; G.Gercikov (Talgar) - E-insignoj; A.Kolesnik (Poltava); T.Kravĉinskaja (Dimitrovgrad).

Lerneja fako: V.Golencova (Ufa); S.Smetanina (U-Kamenogorsk); D.Iljuŝina (Ivanovo).

Kanta fako: G.Gercikov (Talgar); L.Borisov (Kolomna); N.Medvedeva (Tula); G.Cejtin (Leningrad); T.Bercis (Riga); V.Ŝilas (Vilnius); P.Juĥvidin (Ufa) - nur klasika muziko; N.Dolganova (Sizranj) - nur klasika muziko; D.Mametova (Tjumenj); L.Novikova (Miass); M.Gilinskij (Leningrad).

Magnetofona fako: G.Grabeĵite (Vilnius); V.Kulikov (Omsk); E.Perevertajlo (Taŝkent) - nur kontribuante;

Radioamatora fako: V.Ŝilas (Vilnius); N.Ipatova (Ufa).

Traduka fako: V.Sporiŝin (apudmoskvo); N.Cvileneva (Ufa); M.Gilinskij (Leningrad); G.Fomenko (Ufa).

Informa servo: V.Golencova (Ufa); V.Zibenkes (Salavat); T.Koptjagina (Miass); T.Kravĉinskaja (Dimitrovgrad).

Historia fako: (krom la personoj, indikitaj en "A"-10, p. 130) N.Butau (Novosibirsk).

Malgraŭ la aserto de N.Cvileneva, dezirantoj labori ĉe SEJM-fakoj ekzistas. Bedaŭrinde troviĝis eĉ ne unu dezirantо por la Poezia fako. Kiel mi jam skribis supre, ĉiuj fakestroj, ĉeestintaj la tendaron, jam havas plenan liston de siaj kunlaborantoj kune kun la hejmaj adresoj. Ĉe mi tiuj adresoj ne restis, pro tio mi indikis nur la urbojn, en kiuj loĝas la fakkunlaborantoj.

M.Belogolovskij (Doneck).

E-RADIOJ BEZONAS VIAJN LETEROJN!

Aŭskultado de E-disaŭdigoj de diversaj stacioj estas ege grava ne nur por plibonigo de nia lingvoposedo, ĝi prezentas al ni ĉiam plej freŝajn informojn el la tuta Esperantujo (kion ni ne povas

ŝiri pri la E-gazetaro). Partopreno en diversaj konkursoj, organizataj de la E-Redakcioj povas ofte ankaŭ esti tre bonŝancaj. Sed eĉ simpla peto de informo pri diversaj aranĝoj ankaŭ utilas ne nur por laboro de E-stacioj (ni memoru la malgajan historion de la Budapeŝta E-Radio: ĝi ĉesis siajn disaŭdigojn nur pro la nesufiĉa interesiĝo de aŭskultantoj, pro iliaj tro malmultaj reeĥoj), sed ankaŭ por ĉiu E-isto. Ekzemple, la Viena Radio (P.O. BOX700, A-1041 VIENNA, Aŭstrio) premias ĉiun kvaran alskribon per E-sondisko. Sufiĉas eĉ mallonga poŝtkarto.

Petu detalajn informojn de la Viena E-Radio pri jenaj aferoj:

1. Antaŭkristnaska semajnfino en Londono.
2. Internacia vintra E-ferio en Aŭstrio de la 7-a ĝis la 13-a de januaro.
3. Internacia E-klubo de aŭtomobilistoj.
4. Porblindula sonbendrevuo, eldonata de Harold Tradas (Aŭstrio).
5. Internacia Rondo amika de E-literaturo kaj kulturo, fondita de Ludvig Pickel (Germanio), kiu ebligas favorajn prezreduktojn.
6. La dua eldono de la literaturkonkurso "Larius" (Romo, Italio) kun tri sekcioj pri esperantlingva literaturo.

La disaŭdigoj de la Viena Radio estas aŭdeblaj sur la ondoj 13,7; 16,8; 19,4; 41 kaj 49 metroj sabate je la $19^{42}$ – $19^{22}$ kaj dimanĉe je la $8^{45}$ – $9^{22}$ (Moskva tempo). La vienaj E-programoj marde je la $19^{25}$ sur meza ondolongo, nome 203 m. estas bone aŭdeblaj ankaŭ eksterlande.

Por tiuj, kiuj tamen ne havas eblecon aŭskulti la Vienan E-Radion, sed dezirus havi ties disaŭdigojn, mi pretas sendi surbendigitajn kopion de la disaŭdigoj ĝis 2 horoj kun 3 rapidecoj: 9,5; 4,7; 2,4 laŭdezire. Sufiĉas nur sendi al mi la deziratan kvanton de sonbendo, indikinte la rapidecon de via magnetofono. La surbendigoj estas sufiĉe bonkvalitaj. Kaptu la okazon pliriĉigi viajn klubajn kunvenojn.

V.Bespalov (354000 Soĉi-centro, poŝtkesto 6).

## NI MATURIĜU IDEOLOGIE!

Laŭ mi E-isto en sia laborejo devas esti tre sociema homo. E-istoj nepre membriĝu al diversaj societoj, ekz. societo "Scio". En multaj urboj estas organizita societo de libroamatoroj, en kiu oni ankaŭ povos fruktodone labori por E. Ekzemple, nun oni vaste celebras la 80-jariĝon de S.Esenin. Eble ie E-istoj provu fari prelegon "S.Esenin en Esperanto" aŭ ion alian.

Ankaŭ estas tre grava, ke esperantistoj tre bone sciu la internacian staton en la mondo kaj serioze rilatu al la problemoj de ideologia batalado, ĉar ili pli ofte ol aliaj povas renkontiĝi kun alilandanoj, kiuj havas malsamajn ol ni ideologiajn vidpunktojn.

Al mi ŝajnas, ke niaj someraj universitatoj kaj renkontiĝoj ĝenerale havas mankojn de tiu vidpunkto. Oni devas pensi pri novaj formoj de politika kaj ideologia edukado de nia esperantistaro, sin bazante sur la fundamento de komunismaj ideoj. Certe, tio estu farate tute ne trude. Modelo de tio laŭ mi estas la mitingo en SEJT-17, dediĉita al la 30-a datreveno de la Venko. Por sekvontaj tendaroj similaj ~~ajoj~~ eroj politikaj kaj ideologiaj estas nepre bezonataj. Niaj verkistoj de kantoj klopodu pri politikaj kantoj. Iu povas diri, ke tiaj politikaj elpaŝoj jam tedis. Sed mi ankoraŭ substrekas, ke, se la elpaŝoj havos interesajn formojn, ili al neniu tedos. Sed en nia tempo – tempo de la akriĝo de la ideologiaj bataloj – tio estas por ni vivebezonata, ĉar ni estas en la unuaj vicoj en la batalo por paco kaj triumfo de komunismaj ideoj.

I.Korolev (Bijsk).

# "ORA FOLIO-75"
## aŭ pro kio niaj Renkontiĝoj suferas

Tiu ĉi artikolo kronas la serion de informaj artikoloj pri diversregionaj renkontiĝoj. En ĝi estas kritike analizataj ne nur la kialoj de fiasko de la tradicia renkontiĝo "Ora Folio", sed estas levata grava problemo, kial la ĝenerala nivelo de preskaŭ ĉiuj Renkontiĝoj falis, kaj multiĝas okazoj, kiam antaŭplanitaj entreprenoj entute ne okazas. La Redakcio aliĝas al la deziro de la aŭtoro ricevi ne nur konsentajn aŭ oponajn reeĥojn, sed ankaŭ konkretajn sobrajn proponojn kaj konsilojn.

En fino de septembro 1975 okazis plena kunveno de Riga junulara E-klubo, kie ĉefe oni diskutis pri la demando, ĉu aranĝi ĝis tiam tradician aŭtunan regionan renkontiĝon "Ora Folio-75". Post longaj tre seriozaj paroloj oni decidis: NE ARANĜI. Kial? Tre klaran kaj akran respondon donis unu radietanino: por esperantistoj (oni substrekas: esperantistoj) la Renkontiĝo fariĝis neinteresa. Similajn distraĵojn: ekskursojn, kantadon, amuzadon oni povas ĝui en turismaj bazoj, turistaj kunflugoj. Elstaraj niaj E-aktivuloj dum lastaj jaroj jam ne partoprenadis la aranĝojn. Sube ni analizu kelkajn bonojn kaj kelkajn mankojn, kiuj estis rimarkitaj dum la lastaj "Oraj Folioj". Fakte ĉi artikolo celas nur koncizan analizon pri la "Oraj Folioj". Ĝi ne povas, nek celas liveri detalan raporton pri la okazaĵoj.

1. Kompreneble evento, kiel "Ora Folio", postulas multmonatan zorgan preparadon. Ĝenerale tiel ne okazadis. Efektiva preparado komenciĝadis nur pli-malpli 2-3 semajnojn antaŭ la kunvenoj. Multaj detaloj, kiel gastigado, horaro, koncertoj, iam kaŭzis konfuzon, ĉar oni funde ne zorgis anticipan planadon.

2. Ĝenerale la aliĝoj al "Oraj Folioj" ne estis tiel multnombraj kiel oni esperis. Tion kaŭzis tro malfrua sendo de l' invitiloj. Multaj personoj, kiuj povus esti venintaj, se ili estus frue avizitaj, ne partoprenis pro la lastmomenteco de informiloj.

3. Kial okazis tiu nepreparo? Unue, tute mankis kontaktado kun la organiza komitato. Due, ĉiuj partoprenintoj (escepte kelkiujn) sendis aliĝkotizon post la limdato. Ekzemple, por ke okazu OF-71, la organizantoj devis prunti propran monon por lokomendo. Trie, la loka komitato konsistis preskaŭ ĉiam el freŝaj, nespertaj esperantistoj, kvankam bonvolemaj. Kvare, ankoraŭ mankas en nia movado sufiĉe serioza sinteno rilate Tendarojn kaj Renkontiĝojn, kaj tial alirespublikaj samideanoj preskaŭ senescepte lasis la tutan laboron kuŝi sur la ŝultroj de kelkiuj.

4. La ĵus cititaj faktoj lecionas al ni tre klare: por "Neĝfloketo-76" ni devas de nun eklabori, ne nur en Riga, sed ankaŭ en ĉiuj lokaj kluboj, eĉ se nur sendante proponojn kaj ideojn.

5. Dum lastaj OF-oj tre pozitivan aspekton montris la inaŭguraj kaj fermaj kunvenoj, ĉar ilia daŭro senteble malgrandiĝis - malpli da diskutoj, pli koncizaj ~~paroloj~~ parolej. Tamen estas tre dezirinde, ke la enhavo de tiuj paroloj fariĝu pli konkreta. Oni ankoraŭ tro multe retorikas kaj bombastas, anstataŭ liveri al la publiko informojn pri la celoj de l' renkontiĝo, konsisto de la kunvenoj, maniero de agado, rezultoj de tiu agado ktp.

6. Se okazadas dum niaj Renkontiĝoj, ke laborkunsidoj abremsas longaj kaj senenhavaj tezoj, ekzemple dum OF-71, - ili ne estis. Malhelpis nur neakurateco de la partoprenantoj. Dum OF-72, -74, tute mankis iaj tezoj: inter distraj aranĝoj nur kelkaj partoprenantoj priparolis Movadajn demandojn.

7. Jam delongo venis tempo, por ke niaj samideanoj konsciu pri la graveco de esperantistaj renkontiĝoj. Ĉiu minuto de la kunsidoj estas altvalora. Sekve la tezoj prezentotaj devas plenumi du bazajn kondiĉojn:

a) esti koncizaj kaj absolute klaraj;

b) proponi ion vere realigeblan, konkretan, profitan por la Movado.

Kaj, se ĉiu minuto estas altvalora, oni ne rajtas perdi tempon per malakurataĵoj, ordinare kaŭzataj de koridoraj babiloj. Por "Neĝfloketo-76" do ni devas insisti pri maksimuma tempoprofito. Se tezoj plenumas la suprecititajn kondiĉojn, estas klaraj kaj konkretaj, kial ofte ili ne efektiviĝas?? Bedaŭrinde, ofte okazas, ke laborkunside la tezojn prezentitajn oni forte aplaŭdas, sed post la Renkontiĝo, Konferenco aŭ tendaro oni nenion plu faras. Tia manko ĝenerale makulis la antaŭajn: por ke la samo ne okazu nun, estas necese definitive konscii, ke la plej peniga kaj plej grava parto estas plenumata post la laborkunsidoj dum la tuta jaro. Ne nur la aŭtoro de tezo estas respondeca pri ties plenumo, sed, ĝis ioma grado, ankaŭ niaj aktivuloj kaj la ĝenerala publiko, kiuj ĝin aprobis.

8. Evidente ĉio ĉi devas premisi aktivan partoprenon de l' publiko en diskutoj. Tiurilate "Oraj Folioj" ne povis superi aliajn arangojn - La partopreno de l' publiko ne estis tre vigla: ĝenerale parolis la samaj aktivuloj; ne multaj demandadis, ne interrompadis, ne aldonadis, - resume: ne estis pliriĉigita la enhavo de la laborkunsidoj. Devas rimarkiĝi, ke la plimulto de la partoprenantoj apatias. Ni energie pledu en la "Neĝfloketo-76" por absolute universala partoprenado.

9. Lingva nivelo: ĝi povus esti pli bona. Sed oni notu interesan fakton: la publiko ĉiam pli kaj pli tendencas rifuzi nacilingvadon. Eĉ en koridoraj babiladoj oni tre ofte uzis Esperanton. Tiu tendenco estas tre pozitiva akiro de niaj Renkontiĝoj, kaj ni nepre devas instigi en la "Neĝfloketo-76" pri maksimuma uzado de Esperanto. La gvidantoj de la grupoj devas zorgi pri evito de krokodilado ankaŭ en siaj ĉambroj.

10. Antaŭ ol pritrakti niajn koncertojn kaj belartan konkurson dum "Oraj Folioj", ni devas iomete analizi, kion devas celi arta spektaklo en esperantista renkontiĝo, ĉar pluraj misopinioj pri tiu ordinare neglektata sektoro libere vagadas. Por multaj ĝi celas provizi nur leĝeran amuzon post laciĝaj kunvenoj, por aliaj ĝi celas doni ŝancon al samideanoj, por ke ili elmontru siajn talentojn. <u>Eraraj opinioj!</u> Neniu venas al Konferencoj, seminarioj kaj simplaj renkontiĝoj por amuziĝi; se oni tion dezirus, oni pli volonte frekventus teatrojn aŭ kinejojn.

Esperantistaj renkontiĝoj celas, antaŭ ĉio, konstante esplori novajn vojojn por la progresado de Esperanto pere de persona interŝanĝado de ideoj. Ankaŭ la arta spektaklo malfermas novajn vojojn, ĉar montras Esperanton, uzatan en plej diversaj sektoroj, kiel deklamo, kanto, teatro ktp. Ĝi estas tre taŭga instrumento por veki la konscion de l' esperantista publiko, pruvante taŭgecon de la lingvo, kaj instigante al ĝia lernado. La koncepto pri arta spektaklo devas esti pragmatisma, ne sentimentala. La koncertoj estas ne neglektebla ŝanco por atingi la ĝeneralan publikon. Krome la koncertoj devas havi evidentege ARTAN nivelon. Se oni kantas, oni ĝustatone kaj senteme kantu, se oni teatras, oni klare kaj imprese parolu, konvene gestu. Jen la minimumo farenda. Fuŝa muzikludo, senzorga aŭ tro pafosa deklamo kaj aliaj fuŝaĵoj ridindigas ne nur spektaklon, sed ankaŭ la Renkontiĝon kaj la Movadon ĝenerale.

Nun estas demando, ĉu koncertoj kaj belarta konkurso dum OF-71 plenumis la ĵus ekzamenitajn kondiĉojn? Bedaŭrinde ne. Escepte unu aŭ du numerojn, kiuj saviĝis en universala drono, la cetero estis absoluta fiasko. Sen troigo, kelkaj numeroj hontigas eĉ plej tolereman recenziston. Sed pli forte, ol la manko de arta nivelo, gravas por ni la terura efiko, kiun ĝi faris al la neesperantista publiko. Kelkaj prezentitaj eroj ĝismodele ridindigis la Movadon por multaj personoj. Daŭrigo de la Konkurso ĝis la 2-a nokte ne pruvis seriozecon de l' entrepreno.

Anstataŭ pli kritiki, ni analizu la kaŭzojn de tia fiasko kaj strebu forigi ilin por la Neĝfloketo-76. Precipa kaŭzo estis sendube la tro malfrua organizo. Sed forte kontribuis ankaŭ <u>de</u> konscio ~~pri~~

manko

pri la graveco de tiu sektoro. Oni preskaŭ neniam dediĉas apartan atenton pri artaj okazaĵoj, kaj ankaŭ dum "Oraj Folioj" ili estis neglektitaj. Ĉe la lasta momento improviziĝis kelke da numeroj.
Ĉio lecionas al ni, ke por NF-76 ni devas ekde nun zorge prepari. Improvizumoj devas esti radikale eliminitaj, kontraŭe ni neniam sukcesos atingi taŭgan nivelon. Ni devas ne cedi al individuaj ventoj de sinmontremo, ni devas firme rifuzi petojn pri partopreno en spektaklo, se ni scias, ke la eventuale prezentotaj numeroj ne plenumos la kondiĉojn de taŭgeco. Kaj antaŭ ĉio ni devas ĉiam rezoni pri la koncertprogramoj cele konvinkon al la ĝenerala publiko.
Tralegante la supre skribitan, ni povas konvinkiĝi, ke nia sekvonta renkontiĝo "Neĝfloketo-76" devas esti pli konkreta, pli aktiva, pli universala kaj realisma. Ĉiu partoprenanto dum la periodo SEJT-17 ĝis NF-76 devas ripetadi al si: kion mi faras por la Movado? Ĉiu en la kunvenoj devas partopreni per demandoj, diskutoj kaj raportoj. Sed la raportoj estu realismaj, la kritikoj konstruivaj, la proponoj konkretaj kaj precizaj.
Do, ĝis revido en la "Neĝfloketo-76"!

P.S. Por ĉi artikolo la materialo estas arege prenita el: 1)"Akordo" de 1970j.; 2)"Impulso" de 1968j.; 3) Decidoj de la regionaj renkontiĝoj "Ora Folio" de la 1969-a, -71, -74 jaroj. Mi esperas,ke ĉi artikolo havos aktivan reeĥon. Riga klubo pretas defendi sian starpunkton.

A.Mediņŝ (Riga).

## "MUZO-75"

Ĉi-jare la literatura aŭtuno "Muzo-75" estis dediĉita al la 100-jara jubileo de la litova pentristo-komponisto M.K.Ĉiurlionis.kaj okazis la 4-6-an de oktobro apud Vilnius. La renkontiĝon partoprenis ĉeeste 35 esperantistoj kaj foreste 8. Estis prezentitaj la urboj Vilnius, Kaunas, Molieŝke, Klaipeda, Ŝiauliai, Kapsukas, Pjarnu,Riga, Leningrad, Tiĥvin - ĉeeste kaj Moskvo, Lvovo, Taŝkent kaj Tallinn - foreste. Entute estis plenitaj 8 konkursoj, sed pro manko de partoprenantoj la konkurso pri originala prozâo ne sukcesis.
Tuj post la malfermo okazis konkurso pri bela lego, vespere - konkursoj pri originalaj kantotekstoj kaj de kantistoj. Ĉe la fajro okazis disputo pri la rolo de Esperanto-literaturo en la vivo de esperantistoj. Estis rimarkita, ke, vere, ni legas malmulte. Eĉ ne ĉiu aktivulo povas diri, ke li tralegis 2-3 librojn dum jaro. Post la disputo okazás konkurso de rakontistoj.
Kun granda plezuro mi volas rimarki, ke la lingva nivelo de la renkontiĝo estis tre alta, verŝajne, eĉ pli alta ol tiu de SEJT-oj. Certe, por "Muzo" tio ĉi estas bona, sed ĉu bona estas por SEJT-oj?
Dum la dua tago okazis ankoraŭ tri konkursoj: konkurso de parkera lego, de originalaj versoj kaj la unuan fojon estis organizita konkurso de interpretistoj. Mi kaptas la okazon ankoraŭ foje danki la organizintojn pro tio, ke ili trovis por ni kaj A.Kogan ruslingvan tekston, por ke ni ankaŭ povu partopreni la konkurson. Verŝajne, la organizantoj de tendaro devas pripensi ĉi aferon kaj dum la interpretista konkurso havi tekstojn de iu partia dokumento, elpaŝojn de la estraro ne nur en la rusa, sed ankaŭ en aliaj (precipe ĉebaltiaj) lingvoj.
Dum nelongaj senkonkursaj horoj litovaj kamaradoj rakontis pri M.K.Ĉiurlionis kaj montris liajn pentraĵojn.
Dum unu el disputoj oni solvis la demandon pri organizo de tutlitovia centro pri prozotradukaĵoj. Vere, ekzistas malmulte da tradukaĵoj prozaj. Bone rimarkis V.Ŝilas, dirinte, ke la historio de ĉiu literaturo komenciĝas de versoj, do dume la E-literaturo estas,verŝajne, infanaĝa,ĉu?

Eble en ĉiuj regionoj aŭ eĉ respublikoj devas ekzisti samaj centroj.

Ankoraŭ mi volas aldoni, ke la literatura enhavo povis esti eĉ pli bona, se "Muzon" partoprenus homoj el Siberio kaj Volgo-Uralo. Pro tio ne estas bezonata nepra veno al "Muzo". Ekzemple, mi ĝuste scias, ke tre multe verkas N.Cvileneva. Ŝi, certe, povis sendi siajn kantojn al "Juneco", kiel tion faris V.Samodaj kaj aliaj kamaradoj. La samon povus fari Dina Lukjanec, L.Novikova kaj aliaj.

Do, kamaradoj, ni havas solan literaturan renkontiĝon, kaj,certe, partoprenado en "Muzo" eĉ foreste estos tre granda subteno al la renkontiĝo.

M.Gilinskij (Leningrad).

UFA, NOVEMBRO 1975...

<u>Mi volas geamikojn ĉirkaŭpreni...</u>

Mi flugas al REVU! Al Ufa!

La tero! Ĉe la elirejo, el sub felĉapo, min rigardas du konataj okuloj kaj renkontas amika rideto de Alla Ŝilantjeva (certe, ankaŭ vi memoras tiun blondan sveltulinon el SEJT-17); Kiel bone!

En la atendejo de la hotelo "Turist" jam sonas E-parolo. Kun grupo de gastoj venas simpatia kaj silentema Tanja Kulpina. Alkuras kaj denove forkuras Boris Kolker. Ĉiujn fervore registras Alekseo Aleksandrov. Li riproĉete okulumas min kaj sekvantmomente portas al mi varman pelton kaj ... gitaron.

<u>Post gazetara konferenco</u>

Tendaroj, renkontiĝoj, vesperoj atestas kaj subtenas nian vivecon, Ĉu ili havas signifon nur por ni, tiuj, kiuj partoprenas konkretan aranĝon? Ĉio, unuavice, dependas de la enhavo - ĉu ĝi enhavas postrestajn, plupuŝajn trajtojn. En unu el salonoj de la aviada instituto okazas malfermo de REVU-12. Mi ekscias, ke la plej malproksima gasto estas ne mi, sed Viktor Zaŭvatkin el Krasnojarsk, ke la renkontiĝon partoprenas 50 gastoj el 27 urboj (entute ĉ. 80 partoprenantoj),ke nur antaŭ duonhoro finiĝis improvizita gazetara konferenco (kelkaj redakcioj sendis korespondantojn por materialo).

La salutparoloj havas aferecan karakteron: Tjumeno informas,ke ilia 14-membra grupo laboras kontakte kun la gorkomo, en kvar kursoj lernas 70 personoj, kunlabore kun la societo "Scio" jam okazis 20 prelegoj al pli ol 1000 aŭskultantoj. Bravuloj! En la Volgo-Urala regiono oni laboras!

Parolas Vera Dobridina - Miass: funkcias 6 E-rondetoj, okazis 10 prelegoj. Ludmila Novikova - vilaĝo Ilek: "En mia lernejo "naskiĝis" 18 esperantistidoj". Zoja Skvorcova - Kujbiŝev: E-rondeto ĉe scienc-esplora instituto kaj en hospitalo de militinvalidoj. Natali Dolganova - Sizranj: 2 rondetoj, leteroj al 22 eksterlandanoj. Kravĉinskaja Tatjana - Dimitrovgrad: gelaboristoj lernas E-on. Vladimir Zibenkes-Salevat: vespero de traeksterlandaj vojaĝantoj, funkcias rondetoj. Viktor Makarin - Kusa: E-stando en biblioteko. Farida Faizova - Satka: du prelegoj. Galina Celiŝĉeva - Permj: jam aperis E-klubo; ni ĉiuj estas lernantoj de Ufa klubo.

Paroloj;;;paroloj. Ĉion kronas Galina Fomenko, la prezidantino de Ufa klubo (mi enkape kalkulas - jam ok enseĵmajn klubojn prezidas esperantistinoj kaj ne malbone!). Galina modeste informas: artikoloj aperas, rondetoj funkcias (sep), okazis televida elsendo (30-minuta ).

Post mallonga paŭzo sekvas same mallonga koncerteto.

Vespere ni iris al la Baŝkira drama teatro por spekti "Elpensulon" ("Zatejnik") de R.Safin.

En la sekva tago, post la dematena ekskurso tra la unika urbo, ni kunsidis. "Kion faru esperantistoj por la 25-a kongreso de KPSU?"-te-

mo inda je la festo. Prezidis SEJM-komitatanino Nina Cvileneva. Ektemis pri kunlaboro kun la packomitatoj, kun eksterlandaj pacfortoj. Mi ĵetis ideon, peti al eksterlandaj amikoj, ke ili sendu gazetojn pri nia 25-a kongreso. Ĉiuj tuj aprobis ĝin. Iu proponis anonci sin ĉe SSOD por eventuala tradukado de la kongresaj materialoj.

Parolis, tamen, ne multaj, kaj mi havis impreson, ke pri la ĉeftemo de la renkontiĝo pluraj eksciis nur antaŭnelonge. Estas temoj, pri kiuj oni povas oratori senprepare, sed ĉi tiu ne estas tia.

Kiam la mastroj iras dormi...

Estas vaste sciate, ke esperantistoj ne drinkas, sed kison aŭ glaseton da bona vino ili ne rifuzas... Tio havas bonajn kaj malbonajn flankojn. Ekzemple esperantistojn ne tre ŝatas restoracioj... Ho, kiom penis B.Kolker por trabati bankedan salonegon en la restoracio "Ora spiko"! La amikoj helpis; ni trinkas sekan vinon kaj ĉampanon...

Mi sidas inter du famaj Ninoj: Cvileneva (kiu, verŝajne, sukcesos pri tio, kion ne faris viroj - laborigi ĉiujn SEJM-fakojn) kaj Korĵenevskaja. La penoj de la dua Nina jam delonge enkorpiĝis - la unuaj jarkolektoj de "Akordo". Ŝin mi konas jam de SEJT-10 en Altajo kaj asertas, ke ŝiaj kapabloj ankoraŭ ne elĉerpiĝis.

En apuda salono preskaŭ senĉesesonigas la murojn instrumentuloj; Por nia programo arta kaj alia apenaŭ restas "truoj". Ni do manĝas kaj dancas. Malgraŭ foj-foja toastado restas ankoraŭ N-kvanto da boteloj, kiujn ni antaŭvide subbaskigas kaj portas al la hotelo. Kiam la mastroj disiras hejmen, la iniciaton energie prenas Tatjana Kravĉinskaja el Dmitrovgrad. Ĉiunokte ŝia ĉambro estis plena de esperantistoj. Precipe dense ni sidas nun. Bonutilis la "ŝtelitaj" boteloj. Rakontoj gajaj kaj ne tre, kantoj sonis ĝis la 4-a matene. La mastroj jam delonge dolĉe vivis en songoj, kaj ĉe ni ankoraŭ ŝmacas tiu kiskanto "kiu en januaro;;.".

Kiam je la 10-a komenciĝis renkontiĝo kun "interesaj homoj - amikoj de Ufa klubo", la noktuloj estis ankoraŭ survoje al la kunvenejo. La unua antaŭparolis Utjatev M.M., estro de la organiza fako de partia rajkomo. Li ĵus revenis el la vojaĝo tra beniluksaj landoj kaj regalis nin per freŝaj personaj impresoj. La dua sekvis Nekelbaum J.I., iam lerninta E-on ĉe Lidia Zamenhof, la filino de Ludoviko. La lasta - Vitalij Davidov, ĉampiono de USSR pri la radioamatora sporto. Tiu atentigis, ke inter esperantistoj kaj radioamatoroj estas komunaĵo - strebo kontakti alilandanojn, kaj invitis ufajn E-istojn eklabori en la etero (certe, kun lia helpo). Mia rakonto pri la verkado de la litova pentristo-komponisto Ĉiurlionis estis la lasta programero. Fermante la renkontiĝon, B.Kolker ĉion resumis kaj atentigis: al REVU-13 invitas Tjumeno.

REVU-12 finiĝis. Ni ĝisrevidis kun Ufa, kun urbo, kie laŭ aserto de B.Kolker ĉiu urbano al la demando "vi, kompreneble, scias, kio estas Esperanto" respondas jese.

V.Ŝilas (Vilnius).

## OSER-25 EN BARNAUL

Okazis la 7-9-an de novembro.

Partoprenis : Krasnojarsk - 9 h.; Omsk - 1 h.; Ustj-Kamenogorsk - 6 h.; Meĵdureĉensk - 2 h.; Kemerova reg. - 1h.; Barnaul - ĉ. 20 h..

"Plaĉas - ne plaĉas" - tiel, verŝajne, ni ne povas diri. Ĉu estis ĝi utila, fruktodona por la movado - tio estas la plej grava demando kaj la plej bona kriterio por juĝi.

OSER estis planita kiel poraktivula renkontiĝo. Ĝenerale tiel okazis, kiel oni planis. Venis multaj konataj kaj nekonataj vizaĝoj - sufiĉe multnombraj por la severa vetero kaj malbonaj vojaj kondiĉoj.

Tamen min maltrankviligas la fakto de nepartopreno de novosibirskanoj. Ĉu ekzistas junulara movado en tiu ĉi urbo? La fakto estas alarma, kaj ni, siberiaj geesperantistoj, devas amase helpi al la kamaradoj, por ke daŭre progresu en la granda urbo granda movado!

Dum la kunsidoj estis akre kritikita SEJT-17. Kelkaj proponoj taŭgas esti akceptitaj por la sekva SEJT. La plej grava manko de la tendaro: la aktivularo ofte ignoris komencantojn. Ridinda fakto! En la armeo ekzistas tia nelegala dispartiĝo je "avoj" kaj "salagoj". Ĉu ni proksimiĝas al simila rezulto? Kiaj ni devas esti, aktivuloj, en tendaro rilate al la komencantaro: pli aĝaj, pli saĝaj... aŭ eĉ sovaĝaj? Mi povas nur la solan diri: ni ne devas esti "fiera "hulo", sed ĉiam helpi al niaj junaj gekamaradoj. Ĉu tio ĉi estas granda novaĵo por ni? La partoprenantoj de OSER-25 bone komprenis la situacion kaj multparte akceptis la kritikon pri la pasinta SEJT. Estas decidoj, kiuj estas plenumendaj por siberianoj. Sed ĉu por vi?

Tre aktive kaj fruktodone estis pridiskutitaj problemoj de MEM-agado en kadro de SEJM. Kontaktado kun lokaj packomitatoj, utiligo de Esperanto en la monda pacmovado, kiel oni devas kunlabori kun pacdefendaj komitatoj - interesajn kaj diskutindajn demandojn oni solvis. "Esperanto servu la pacon!" - sub tiu ĉi slogano ni batalas. Ni servu per E al la paco kaj amikeco!

A.Gonĉarov dum la kunsido prelegis pri Esperanto en scienco - interesa prelego, bonaj perspektivoj. Venis propono organizi en 1977 studentan sciencan konferencon de esperantistoj surbaze de studentaj sciencaj E-rondetoj.de du regionoj:de la Altaja kaj Krasnojarska universitatoj. Kuraĝa ideo! D.Lukjanec konatigis la partoprenantojn kun poeziaj tradukaĵoj en E. Estas agrable aŭskulti, kiam prelegas en E homo legoscia, kompetenta pri la objekto de l' prelego, eĉ la kelkopo de komencantoj kun plezuro aŭskultis.

La proksimiĝanta 25-a kongreso de KPSU donis ankaŭ laboron por la cerboj de l' partoprenantoj. Memkompreneble, ke la partian kongreson la esperantistaro devas renkonti kun bonaj sukcesoj en agado (edukado de l' internaciismo, E-pacbatalo ktp.). Ne ĉiu klubo povas fari ion"bpokan", sed oni devas almenaŭ fari solenan kunsidon, sendi gratulon, aperigi artikolon ktp.

Dum la tria tago de l' renkontiĝo estis pridiskutita problemo interesa: kiel ni devas prepari komencantojn al la tendaro? Reala vojo: ĉiuj partoprenontoj de SEJT-18 el Siberio veturos kaj E-karavane al Barnaul per trajno. Interesa kaj freŝa ideo! Eble aliuj SEJM-regionoj sekvos nian ekzemplon?

Jen kian seriozan laboron faris mi dum OSER! Tamen ne nurpri serioza laboro ni okupiĝis dum la festo. Ĉu ni ne estas esperantistoj? Ni havis bankedon, dancadon kaj gajan vesperon. Ni ridis, ŝercis, kantis kaj vagabondis... La ĝenerala aspekto de OSER estas bona. Sed la organiza flanko estas kritikinda, kaj la organizontoj de OSER-26 tion devas rememori ĝustatempe kaj ne fari samajn erarojn.

V.Ŝapoĵnikov (Krasnojarsk).

## LA ESTONTO MONTROS

La 28-an de septembro okazis jarkunveno de Klaipeda Esperanto-klubo. Ĝi estas unue el la gravaj aranĝoj de nia klubo, ĉar de ĝiaj rezultoj dependas la estonta kluba agado. Post la raportoj de la prezidanto J.Bilkŝtys, sekretario R.Keliuotis, kasistino V.Vaitkurĉiene kaj revizia komisiono (V.Baniulaitis) sekvis aktiva diskutado. La pasinta laboro de la estraro estis taksita kontentige. La plej respondeca parto de la kunsido estis reelekto de nova konsilantaro. Ĉi-jare la konsilantaranoj estis elektataj rekte al ĉiu posteno, sen posta distribuo laŭ la postenoj.

Kiel prezidanto estis elektita malnova kapabla aktivulo V.Baniulaitis. Vicprezidantoj iĝis la prezidinto J.Bilkŝtys kaj ekscestro de la propaganda fako B.Tomŝin, sekretarioj – L.Kvietkiene, H.Vaitkeviĉius – du jam delonge aktivaj membroj. Kiel kasistino restis V.Vaitkeviĉiene. Ŝi gajnis la meriton de la klubanoj pro sia diligenta kaj abunda laboro. Sub ŝia gvido la klubaj kaso kaj biblioteko konsiderinde riĉiĝis. Pri mastrumado daŭre okupiĝas la estinta klubejestro V.Paŭlaŭskas. SEJM-reprezentantino iĝis J.Norvilaite. Do, la konsilantaron oni elektis sufiĉe bonan, kaj la membroj povas esperi pri sukcesa laborjaro. Estas dezirinde, ke la konsisto de la konsilantaro stabiliĝu almenaŭ por 2-3 jaroj, por ke ĉio, kion oni planas, estu efektivigota.

En la klubo plu funkcias 5 fakoj: kanta, magnetofona, kolektanta, tradukista, historio-bibliografia. Ĉiuj ili estas gvidataj de spertaj fakestroj, kaj tio promesas fruktodonan laboron.

En la fino de la jarkunveno estis premiitaj la plej aktivaj membroj de la klubo. Post la informoj kaj anoncoj oni aŭskultis la surbendigaĵon de la Ĉebaltia koncerto en SEJT-17.

Ekde septembro en la klubejo funkcias kursoj por komencantoj (litova kaj rusa grupoj). En oktobro ekfunkciis progresanta kaj perfektiga kursoj. Bedaŭrinde ne klaras la afero pri la fakultato de amikeco kun popoloj de la mondo ĉe la urba popola universitato, ĉar la opinioj de la konsilantaranoj pri tio, ĉu ĝin devas eniri la tuta E-klubo, disiĝas. Kaj vane, ĉar amikiĝo kun aliaj popoloj estas unu el la plej ĉefaj celoj de ĉiu klubo, de ĉiu esperantisto.

Nun en Klaipeda videblas plivigliĝinta kluba agado. La plano de la kluba agado por 1975 estis disdonita al ĉiuj membroj. Dume ĝi estas sukcese efektivigata.

La klubejo funkcias ĉiun ĵaŭdon kaj dimanĉon kun la planita tagordo, kaj tio allogas vizitantojn, sed kiel daŭros la laboro plu, ankoraŭ estas malfacile diri. Do, dume ĉio iras glate, kaj la estonto montros sin mem.

R.Keliuotis (Klaipeda).

## LABORTAGOJ DE POLTAVAJ GEESPERANTISTOJ

En la kvanton de la plej aktivaj kluboj en Sovetunio jam de kelkaj jaroj eniras poltavaj geesperantistoj. Fruktodone laboras la E-klubo ĉe la fakultato de sociaj profesioj de la Poltava agrikultura instituto (prezidanto – studento de la instituto A.Kolesnik, gvidanto – ĉefinstruisto V.E.Noĉovkin), kies dekjaran jubileon oni celebros en februaro 1976, kaj E-sekcio de la Poltava komerca lernejo (gvidanto – O.Ŝmalko).

Geesperantistoj ĉiusemajne laboras en la kursoj, faras ekspoziciojn, dekoracias fotomuntaĵojn kaj standojn, prelegas pri E kaj aranĝas vesperojn kun koncertoj, partoprenas en respublikaj kaj tutuniaj E-aranĝoj. En la lingvo Esperanto studentoj prelegas dum sciencaj konferencoj, kaj, certe, korespondas kun samaĝuloj. Tiel A.Kolesnik havas korespondantojn en 10 landoj. Ekde printempo de tiu ĉi jaro persone mi ricevis multnombrajn leterojn ne nur de sovetiaj E-istoj, sed de eĉ pli granda nombro de esperantistoj el 30 landoj. Fakte, poltavaj esperantistoj havas geamikojn sur la tuta planedo. Antaŭnelonge la urba komitato de komsomolo subtenis la iniciaton krei urban E-klubon de lernantoj kaj urban klubon de studentoj, lernantoj de teknikaj mezlernejoj, geofizikistoj kaj gelaboristoj. La ĉefa enhavo de tiuj ĉi kluboj estas kune kun kluboj de internacia amikeco evoluigi kaj profundigi ligojn kun sovetaj kaj eksterlandaj samaĝuloj surbaze de la soveta patriotismo kaj proleta internaciismo per korespondado en la lingvo Esperanto. Tion antaŭis granda klariga kaj propaganda laboro. En interparoloj kaj prelegoj la esperantistoj rakontis al junularo pri la lingvo Esperanto kaj ĝia signifo por nuntempa homo. Antaŭe kun se-

kretarioj de komsomolaj organizaĵoj kaj poste kun superaj pionirgvidantoj de mezlernejoj estis aranĝitaj speciale vastaj klarigaj interparoloj, post kiuj ili mem komencis propagandi Esperanton en siaj laborlokoj. Por helpi ilin la urba komitato de komsomolo dissendis afiŝon-anoncon, kompilitan de E-aktivuloj. Kelkaj gazetoj de la regiono publikigis artikolojn pri E, kaj la regiona radio envicigis en ŝatataan de radioaŭskultantoj disaŭdigon mian rakonton pri la Lingvo Internacia kun originalaj scenetoj, ĝustalokaj komentoj kaj alvokoj al junularo studi Esperanton.

Ĉio tio ĉi kondukis al tio, ke multaj kun granda deziro komencis studadon de Esperanto.

V.V.Grigorenko (314028 Poltava-28, str. Ciolkovskogo, 67 - 197).

REGAS "LIA MOŜTO" LABORISTA KLASO!

Dum la oktobraj festotagoj mi vizitis Kievon. Tie en la str. Vladimirskaja,71, en la klubo "Piŝĉevik" (Podol) kolektiĝis la aktivularo de la E-societo "Ora Pordego", gvidata de M.Lineckij. Li elbatalis sufiĉe bonan lokon en la klubo de nutraĵistoj, kie E-rondeton gvidas juna Sveta Pogorelaja, lasinte sian iaman klubon "Stroitelj" por sia iama kursanino-lernantino Saŝa Gusakovskaja; mem Miŝa Lineckij laboras en la 197-a mezlernejo kun 25 sesklasanoj-esperantistoj.

Unue, ili legis la lastan numeron de "Aktuale" kaj parolis pri taskoj, poste sekvis lingva praktiko. Mi ne scias, ĉu ili pristudis la troerudician kartvelan verkon de Arĉil Aliaziŝvili "Psikologiaj fundamentoj de buŝa fremdlingvo", sed la principo de utila sociludo "Psikologiaj taskoj", uzata de kievanoj, estas rekomendinda al aliaj junularaj E-kluboj kaj E-kursoj. Mi priskribas ĝin.

Ĉiu membro de la E-klubo devas"alporti" sian "psikologian taskon", kiun laŭvice solvas aliaj, donante demandojn al la enigmisto; la lasta havas rajton respondi : "jes", "ne" aŭ "ne gravas". Oni donas centojn da demandoj,ĝis kiam iu divenas. (Jen estas tri situacioj: 1)Sonas telefono. Tiu, al kiu oni telefonas, levas la aŭskultilon. Sed tiu, kiu telefonis, samtempe mallevas la aŭskultilon. Tiel ripetiĝas trifoje. Kial? 2)Ŝi demandas: "Ĉu vi amas min?" Li respondas:"Jes!"Ŝi mortas. Kial? 3)Vakero petas glason da akvo. La barmen' pafas en la aeron. La vakero dankas kaj foriras. Kial? (La solvoj: 1)Unu vekis alian; 2)Akrobato tenis ŝin per dentoj; 3)La barmen' savis lin de hikado.)

Se aldoni komunan kantadon (en angulo staras piano!), la E-junularo en Kievo sentas sin tre gaje, estimante unu la alian, sentante kamaradecan atmosferon. Oni atendas, ke Jura Kovalĉuk, kiu organizis E-vivon en la ped.instituto, Olja Kerzjuk el la universitato baldaŭ frapos en la "Oran Pordegon".

Mi forlasis Kievon kun serena humoro: regas ĉi-tie "Lia Moŝto"laborista klaso (ĉiuj pordeganoj estas simplaj laboristoj), kiu serĉas kaj trovas, batalas kaj iom post iom atingas bonajn rezultojn.

A.Rogov (Ĥmelnickij).

EROJ DE SPERTO

Jen miskribis la titolon de ĉiartikolo kaj ekpensis: estus taŭge havi sur la paĝoj de "Aktuale" rubrikon, nomatan proksimume same. Sub la rubriko oni povus publiki en mallonga formo diversajn opiniojn, proponojn, konsilojn kaj raciajn eldirojn el tro longaj artikoloj. En ili oni temu pri ĉiuj nuancoj de praktika kaj propaganda laboro. La rubriko eĉ per sia ekzisto instigus aktivulojn kaj veteranojn interŝanĝi diversajn spertojn. Ankaŭ komencantoj iam povas proponi tre freŝajn kaj originalajn ideojn.

Jen estas mia simpla kontribuo ĉi-rilate. En tre grava politika revuo aperis tre aŭtoritata komentario pri la helplingva problemo. Kiel, verŝajne, multaj, mi ekscios pri tio ,kiam la revuo jam forestis en kioskoj. Kion fari?.Ĉu ŝteli en biblioteko?.. Tamen restis sola reala vojo por trovi la presaĵon. Mi vizitis proksiman poŝtejon, klarigis al ĝia estrino mian necesegon kaj tre ĝentile petis ŝin doni al mi la adresojn de la abonantoj. Duono de la problemo estis solvita. Poste mi laŭvice vizitis la abonantojn kaj preskaŭ sen aventuroj kolektis kelkajn eluzitajn ekzemplerojn de la serĉata numero.Konkrete temas pri "Nova tempo" (presata en ok lingvoj) kun artikolo de M.J.Isajev.

Kompreneble, tiun ĉi"metodon" oni devas uzi en ekstremaj okazoj. Ĉefe - klubanoj mem devas ĝustatempe atenti kaj provizi necesajn periodaĵojn.

## I N F O R M O J * A N O N C O J * P E T O J * S C I I G O J

### RIPOZI EN BULGARIO

Laŭ informo, ricevita el Bulgario, la vica Internacia Arkeologia brigado okazos ankaŭ en aŭgusto (vd. "A"-3(18), p. 34)- de la komenco de aŭgusto. Krome, de la 25-a de septembro ĝis la 5-a de oktobro en Velingrad okazos tradicia Internacia Esperantista Ferio, al kiu estas invitataj ankaŭ sovetaj E-istoj (la lastan, ĉi-jaran, partoprenis 65 E-istoj, el kiuj 4 - sovetaj). La dezirantoj veturi Bulgarion skribu al mi sinproponojn, indikinte la plenan nomon, aĝon, ĝustan kaj plenan adreson, profesion kaj kiun aranĝon li(ŝi) intencas partopreni. Ne forgesu aldoni ~~la~~ rekomendon de la SEJM-reprezentanto.

Por la hodiaŭa tago al la Brigado aliĝis 3 personoj, al la Ferio-unu.

D.Cibulevskij, unua v/p de SEJM(310024 Ĥarkov-24,Ĉajkovskogo-25, kv.11).

* * *   * * *   * * *

Ĝis la 1-a de februaro mi akceptas abonpagojn por 1)"Kulturaj kajeroj" (Francio; aperas 6-foje jare; kostas 5,00rb.; la 1-a numero aperos marte-maje); 2) "Starto" (Ĉeĥoslovakio; aperas 6-foje jare; kostas 1,50); 3) "Panoramo" (ĈSSR; 2-foje; 1,90rb.). Krome mi akceptas mendojn por "Heroldo de E-to" (9,50-10,00 rb.) kaj nova kultur-literatura jugoslavia revuo kun la provizora titolo "La verda stelo" (detaloj dume ne estas konataj). La monon kaj mendojn oni sendu al: Aleksandr Sergejeviĉ Melnikov, 344007 Rostov-Don-7, ab.jaŝĉ. 393 ĝis la indikita dato.

* * *   * * *   * * *

NI GRATULAS!

La 28-an de novembro la prezidanto de SEJM V.Aroloviĉ defendis disertacion je la kandidata grado pri fizik-matematikaj sciencoj. Parto de la disertitaj materialoj aperis E-lingve en "Tezoj de konferenco de junaj sciencistoj-esperantistoj" (Kievo,1971).

* * *   * * *   * * *

### TELEVIDA ELSENDO EN UFA

La 7-an de oktobro 1975 la Baŝkiria televido en Ufa elsendis duonhoran programon sub la titolo "Esperanto - lingvo por ĉiuj". Ĝi estis farita kiel konversacio de 11 personoj, kun kvin kantoj kaj multa ilustra materialo. Abundas favoraj reeĥoj. Petu al viaj lokaj televidaj stacioj ripeti la elsendon, skribu al: 450025 Ufa-25, televido, ĉefredaktoro.

*-*-*   *-*-*   *-*-*

~~BIJBK~~

BIJSK

En la urbo ekde la 27-a de oktobro 1975 funkcias E-rondeto, gvidata de I.Korolev. La rondeton vizitas ĉ. 20 homoj:studentoj, gelernantoj, junaj laboristoj.

* * * * * * * * *

ĤMELNICKIJ

La 1-an de novembro 1975 la Ukrainia Radio pere de Ĥmelnicka studio aranĝis 15-min. rakonton pri la laboro de la E-klubo kaj la7-monata kurso ĉe Kulturdomo. La elsendo estis en la rubriko "Mondo de viaj pasioj" kaj pasis en formo de intervjuo de la prezidanto de E-klubo A.Rogov, kiu rakontis pri sia vasta korespondado, pri la unua ukrainia lernolibro de S.Rublev, pri E-rondetoj en la urbo...Fine la radioparolisto koncise rakontis pri la historio de E kaj ties movado.

Respondo de APN al letero de A.Rogov.

Estimata k-do Rogov!

Ni dankas Vin pro la letero, en kiu estas eldiritaj konvinkaj pensoj pri Esperanto, kaj precipe pro la informaĵo pri la decido de la prezidio de la Instituto de lingvosciencoj ĉe la Akademio de Sciencoj de USSR.

La celo de la artikolo "Tupal anstataŭ Esperanto?" estas konkreta: ankoraŭ per unu streko(pri spekulacio per "tupal" skribis meksika revuo "Tjempo" №1719, p.49)reliefigi la portreton de la okcidenta moralo, montri la ĉiepenetran spiriton de komerco.

Ni tute ne intencis nigrigi Esperanton, kiu, kiel Vi prave asertas, estas unu el multaj rimedoj de internaciaj rilatoj.

N.Gabinskij, redaktoro de la ĉefa redakcio
La 18-an de nov.1975 de operativa informado APN.

* * * * * * * * *

KALUGA

En komunloĝejo de la Kaluga ĉefpoŝtejo estas organizita E-rondo. Kiu povas rekte al ni skribi pri sia sperto, pri laboro en simila loko, en simila medio? Por la komencantoj estas dezirindaj ankaŭ salut-poŝtkartoj. Skribu: 248016 Kaluga-16,ul. Barrikad,126-4, E-rondo.

* * * * * * * * *

TIĤVIN

Ĉiuj SEJM-kluboj povas ricevi surbendigitan elpaŝon de la Prezidanto de UEA H.Tonkin en la Domo de Amikeco en Leningrad kaj lian intervjuon pri la restado en nia lando. Sendu puran magnetofonbendon 100 m. por la Rapideco 9,5 cm aŭ 200 m.por 19,0cm al Aleksandr Kogan: 187500 Leningradskaja obl., Tiĥvin, ab. jaŝĉ. 2.

En Tiĥvin estas fonditaj du novaj E-kursoj: en la urba Kulturdomo kaj en la lernejo №8. Entute partoprenas ĉ. 50 personoj 15-30-jaraj. La kursanoj serĉas korespondadon kaj amikan subtenon de SEJM-kl.

D E Z I R A S   K O R E S P O N D I

1. F-ino Josna Cukor, 1541000 ZAGREB, Zadarska 18, Jugoslavio.
2. Janos Gaal, 24 8946 Posztaederics, Kossuth 32, Hungario (sporto, turismo, E-movado).
3. Kowal Margarita, ul. Wojska Polskiego 27-a, 37-200 Pozewarsk, Pollando (17-jara: kantoj, filatelio, aŭtomobiloj).
4. Saul Benito Serra, Rua Antonio Rodrigues Pimen tel. №8-1,Montigo, Portugalio.
5. Slovenia Esp.Ligo, Komenskega 7, Ljubjana, Jugoslavio.

S.Neilande, estrino de laKoresponda fk.

Redaktis V.Ebel.   Redakcio: 656099 BARNAUL-99,abon.k.11, "A".

Aktuale-12(27)

INFORMA FOLIETO DE LA SCIENC-TEKNIKA FAKO DE SEJM

№2 Decembro 1975

MIKROBENDOJ

de biblioteko ĉe la Scienc-Teknika fako de SEJM

1.E.Drezen. Za vseobŝĉim jazikom (tri veka iskanij),Moskva, 1936.
2.E.Drezen. Problemo de internacia lingvo en nuna etapo de ĝia evoluo, Moskva,1936.
3.E.Drezen. Osnovi jazikoznanija, teorii i istorii meĵdunarodnogo jazika, Moskva, 1933.
4.E.Drezen. Skizoj pri teorio de Esperanto, Moskva, 1936.
5.I.Lapena. La Internacia Lingvo.
6.E.Drezen.Internacionalizacija nauĉno-teĥniĉeskoj terminologii,M.,1936.
7.E.Drezen.Osnovi nauĉno-teĥniĉeskoj terminologii, Moskva, 1936.
8.S.Istvak kaj R.Rezso.A.Vallalatiranuitasi scamitogepalkalmazas feĝalmainak több nyelvű szotara.(Komputil-teknika vortaro hungara-germana-angla-rusa-Esperanta), Budapeŝt, 1972.
9.Vasuti kis szakszòtàr. Fervoja terminareto Esperanto-Hungara, Hungara-Esperanta, Budapeŝt,1968.
10.Tibor Ujlaky-Nagy.La sporta lingvo en Esperanto, Budapeŝt,1972.
11.C.A.Laisant.Inicado Matematika(esperantigita laŭ la 10-a eldono franca de J.-C.Chasignesu kaj J.Camescasse),Paris,1914.
12.Petar Giunio. Sekretoj de la maĝestaĵoj (originala verko en Esperanto, reverkita de Lic.Marinko Ĝivoje), Zagreb, 1960.
13.Verkoj de D-ro Nakamùra (originalaj sciencaj artikoloj, paroladoj kaj rakontoj en E), Tokio, 1932.
14.Niŭton J. Montejro. Laŭsistema studo de Funkcioj(originala verko de elementa esprimado en Esperanto), Sanpaŭlo,1960.
15.Maurice Frechet en Paris.La paranalitikaj funkcioj en "n"-dimensioj(origin. art. en E, aperigita en germana revuo "Journal für die reine und angewandte Mathematik"), Berlin,1956.
16.Maurice Frĉcnet.La kanonaj formoj de la 2,3,4-dimensiaj paraanalitikaj funkcioj(orig.art.Aperis en internac. rev."Matematika"),1954.
17.F.Emerson Andrews.Ekskurso en nobroj(origin.art., aperigita en"The Mathematics Teacher"),N.Y.,1934.
18.Internacia elektroteknika vortaro, Esperanto-pola,angla, franca,germana,itala,sveda(grupo 07 Elektroniko,grupo 08 Elektroakustiko), Warszawa,1965.
19.A.Broise.Teknika terminaro pri ŝoseoj kaj pontoj.Rotterdam,1959.
20.Eugen Wüster.Maŝinfaka Esperanta vortaro prielementa(la maŝinelementoj,maŝinoj,plej gravaj esprimoj el la konstruadokaj teknologio), Leipzig,1923.
21.Eyama-Tokiziroo.Aŭta terminaro.Esperanto-japana,angla, Japana-Esperanta-angla, Tokio, 1969.
22.A.Venture. Radio-terminaro. Ontario,1960.
23.F.Meyboom,Quaestionarium medicum in english,french,italian,spanish, potuguese,german,dutch,norwegian,swedish,finnish,polish,russian, greek,chinese,japanese,malay,Esperanto.Amsterdam-New-York,1961.
24.D.R.Duncan,Ph.D.,B.Sc.Angla-Esperanta kemia vortaro,London,1956.
25.Jan Piĉro.Kemiaj afiksoj internaciaj. Warszawa,1966.
26.M.C.Butler kaj F.Merrick.Muzika terminaro. Ontario,1960.
27.Komandanto Peter Clissold.Marista terminaro.Rickmansworth,1950.
28.Konstruteknika terminaro sveda-Esperanta kaj Esperanta- kun difinoj en E. Malmö,1958,Svedio.

Por mendi indiku la numeron de koncerna mikrobendo kaj skribu laŭ la adreso:187500 Tiĥvin,ab.kesto 2, Esperanto-klubo. La koston de fotokopiita verko mi sciigos post plenumo de la laboro.

Karaj samideanoj, bonvolu sendi por mikrobendigi viajn terminarojn, sciencajn kaj popularsciencajn artikolojn, verkojn. Komencu mem verki pri via ŝatata scienca, teknika aŭ eĉ "hobia" okupo en Esperanto. Resendon mi garantias.

A.Kogan,estro de la Terminara centro(Tiĥvin).

Suplemento №5*

METODIKO
de tradukado de "Technisches Wörterbuch"
(Germana-Esperanta terminaro) de R.Haferkorn

I. Literaturo kaj materialoj por la laboro

| N/N | Titolo, jaro de eldono | Indiko |
|---|---|---|
| I.1 | "Technisches Wörterbuch", R.Haferkorn, 1967 (aŭ fotokop;) | (TW) |
| I.2 | "Deutsch-Russisches politechnisches Wörterbuch", 1973 | (DR) |
| I.3 | Esperanto-rusa vortaro de E.Bokarev, 1974 | (ER) |
| I.4 | Ruso-Esperanta vortaro de E.Bokarev, 1966 | (RE) |
| I.5 | Slipoj (dimensio 9x13 cm | |

II. Unuaetapa sliparo

II.1. La germanan terminon el (TW) skribu supre en la maldekstra angulo de slipo (vidu ekzemplon).

II.2. La konforman ~~Esperantan skribu~~ terminon skribu supre en la dekstra angulo de la slipo kaj indiku la fonton:(TW).

II.3. El (DR) elskribu ĉiujn konvenajn ruslingvajn terminojn kaj indiku la fonton: (DR). Uzu nur la maldekstran parton de la slipo.

II.4. En (ER) trovu la Esperantan terminon. Se la ruslingvaj terminoj en (DR) kaj (ER) egalas, tiam aldonu la indikon (ER) al (TW): (ER)(TW). Se ili diferencas, skribu la novan rusan terminon malsupre de la dekstra parto de la slipo kaj indiku la fonton:(ER). Se la termino forestas, indiku:(ER)-.

II.5. Sub germana termino, ne trovita en (DR), indiku: (DR)-. Provu laŭeble traduki ĝin helpe de aliaj vortaroj.

II.6. Aliajn fontojn indiku laŭ via bontrovo kaj informu pri ili la TS-estron.

Bonvolu skribi slipojn tre legeble.

III. Duaetapa sliparo

III.1.Ĉiun rusan terminon skribu sur aparta slipo supre en la maldekstra angulo.

III.2.Konformajn Esperantajn terminojn skribu supre de la dekstra angulo kaj indiku la fonton:(TW) aŭ (ER) aŭ (TW,ER).

III.3. La rusan terminon kontrolu laŭ (RE). Se la termino koincidas, tiam aldonu la indikon (RE) al (TW): (TW)(RE). Se ĝi ne koincidas, tiam aldonu la novan varianton de Esperanta termino kaj indiku: (RE). Se la termino forestas, indiku: (RE)-.

III.4. Ĉiujn duaetapajn slipojn kunigu kun la koncerna unuaetapa slipo, surbaze de kiu ili estas faritaj, per kancelaria pinĉilo aŭ alimaniere. Tio ĉi necesas por kontrolo.

III.5. Viajn duboj, proponojn ktp. pri apartaj terminoj skribu sur la unuaetapajn slipojn aŭ sur apartan folion.

III.6. Ĉion sendu poparte laŭ la adreso: 187500 TIĤVIN Leningradskoj obl., ab. jaŝĉ. 2, Esperanto-klubo,Kogan Aleksandr.

(Rim. de la Red.: Novuloj! Antaŭ ol komenci traduklaboron kontaktu k-don A.Kogan por ricevi de li ~~la~~ taskon).

IV. Ekzemplo de prilaboritaj slipoj

Unuaetapa slipo

| | |
|---|---|
| ätzen<br>(mech, chem.) | korodi<br>eĉi (TW) |
| 1. Травить, вытравливать<br>—корродировать | korodi -<br>(ER) |
| 2. Разъедать | |
| 3. Прижигать | |
| 4. Матировать (стекло) (DR) | eĉi (ER)- |

Duaetapaj slipoj

| | |
|---|---|
| Травить | korodi(TW,ER)<br>eĉi (TW) |

| | |
|---|---|
| Корродировать | korodi (ER) |

*La suplementojn №1, №№ 2-4 vd. en "A"-1(16), 3(18). - Red.